6a JARO. JULIO 1914. 9a N° (69)

# BELGA ESPERANTISTO



MONATA REVUO



*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

| Redakcia parto : | Administracia parto : |
|---|---|
| OSCAR VAN SCHOOR | FRANS SCHOOFS |

*Oni sendu ĉion, kio rilatas ĉu la Redakcion, ĉu la Administracion, al la adreso : Belga Esperantisto, Vondelstraat, 20, Antwerpen.*

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

# VIa Belga Kongreso de Esperanto

## MECHELEN, 31 MAJO - 1 JUNIO 1914

De la 8a matene la kongresanoj komencas alveni en la antikva episkopa urbo Mechelen kaj tuj sin direktas al la apuda *Hôtel de la Couronne,* kie la Loka Komitato,kunmetita el S-roj L. VAN PETEGHEM, J. VAN DE VELDE kaj I. SUETENS, faras la lastajn organizajn laborojn kaj provizas la lastenskribitajn kongresanojn per la necesaj kartoj.

Jam antaŭ la 11a, proksimume 200 gesamideanoj, inter kiuj 4 angloj, 2 francoj kaj 1 holandanino, forlasis la kunvenejon kaj grupe sin direktis al la urbdomo, kie ili estis atendataj de S-ro VAN DEN HENDE, skabeno, anstataŭanta la urbestron, nian honormembron S-ron DESSAIN, kiu pro familia funebro ne povis ĉeesti. Honoris la Kongreson per sia ĉeesto la urbaj konsilantoj S-roj DE VROEDE, DIEUDONNÉ, LEBLOND, NEEFS, TAMBUYSER, VAN HAESENDONCK, VAN PELT, VAN POPPEL kaj WYCKMANS, kaj la provinca inĝeniero S-ro WILLEMS, honora vicprezidanto de la kunveno.

S-ro VAN DEN HENDE deziras koran bonvenon al la esperantistoj, en la nomo de la urbestraro, kiu ŝatas la klopodojn de la propagandistoj por la enkonduko de internacia helplingvo, per kies nobla penado oni atingos pli da civilizacio, pli da bonstato. Li scias, ke la malsameco de lingvoj multe pli malhelpas la la tutmondan fratiĝon de la popoloj, ol la diverseco de moroj kaj politikaj konvinkoj, ol la montoj, la riveregoj, la landlimoj. La esperantista movado estas unu el la malmultaj, en kiuj malamo ne ekzercas sian malbonan influon. Per la ĝis nun akiritaj rezultatoj la lingvo Esperanto montriĝis sian praktikecon en ĉiuj fakoj de la homa vivo. Li gratulas la esperantistojn pro la

nuna stato de la helplingva demando kaj esperas, ke la Kongreso de Mechelen estos nova paŝo al la atingo de la fina celo. Prezentante la honorvinon li denove bonvendiras la ĉeestantan kolegaron.

S-ro WITTERYCK, prezidanto de la *Belga Liga Esperantista*, respondas. Lia parolado aperos en la proksima numero de *Belga Esperantisto*.

* * *

La ĝenerala kunveno okazis en la bela granda urba festĉambrego, Frederik-de-Merodestraat.

S-ro WITTERYCK malfermas la kunsidon, farante la paroladon, kiu aperis en la antaŭa numero de *Belga Esperantisto*. Poste li legas senkulpigajn leterojn de S-roj DESSAIN, urbestro, VAN DE WALLE kaj ORTEGAT, deputataj, kaj bondezirajn leterojn, i. a. de la Esperantista Grupo de Aŝabad (Turkestano).

Oni aŭdis poste la ĉiujaran raporton de la ĝenerala sekretario de la *Ligo*, S-ro PETIAU; tiu raporto aperos en la proksima numero de *Belga Esperantisto*.

Gratulinte la sekretarion pro lia klara kaj kompleta verko, la prezidanto petas S-ron MATHIEUX raporti pri la financa stato de la Ligo.

Tiu ĉi samideano legas sian bilancon, kaj konstatas, ke la rezultato je la fino de ĵus pasinta Liga jaro estas iom pli malbona, ol je la komenco, pro kelkaj specialaj propagandaj elspezoj. Niaj enspezoj, kotizaĵoj kaj *Soldo por Esperanto*, estis kontentigaj. Neniu certe malaprobos la eksterordinaran elspezon de granda parto el niaj komunaj riĉaĵoj, sed la kasisto faras varman alvokon al ĉiuj gesamideanoj por rapide ripari la breĉon de nia kapitalo.

S-ro D-ro VAN DER BIEST legas la jenan raporton pri la ekzamenoj (simpla kaj profesora kapableco) okazintaj en Gent, la 3an de Majo 1914 :

La ekzamenoj, kiuj daŭris de la 9a matene ĝis la duono post tagmezo, kaj de la duono post la dua ĝis la sesa, okazis en la sidejo de la *Genta Grupo*.

La juĝantaro konsistis el S-roj A. MAERTENS kaj J. PAROTTE, membroj, kaj mi, prezidanto.

La *skriba* ekzameno, sen helpo de vortaro, konsistis el :

1e traduko el Esperanto : la artikolo *La gepatraj lingvoj kaj Esperanto* (B. E., 1a jarkolekto, p. 175) ;

2e traduko en Esperanton : la artikolo *Spanje, Espagne* (B. E., 1a jarkolekto, p. 185) ;

3e redakcio : *Priskribu iun urbon aŭ vilaĝon, kiun vi speciale konas.*

La *parola* ekzameno konsistis el legado de artikolo el *Esperanto*, traduko kaj voĉa resumo de tiu teksto, klarigoj pri gramatikaj malfacilaĵoj kaj interparolado kun la membroj de la juĝantaro.

La *instruada* ekzameno konsistis el leciono pri gramatikaj demandoj kaj pridemandado de lernantoj.

12 gekandidatoj sin prezentis.

La juĝantaro aljuĝis la ateston pri *profesora kapableco* al F-inoj M. JENNEN, H. DE CLERCK, S. VAN HYFTE kaj M. ARICKX, kaj al S-roj G. VERMANDERE,

L. Varendonck, P. Mast, J. Leflot, A. Buyck, E. Snissaert kaj O. De Bruycker ; kaj la ateston pri *simpla kapableco* al S-ro J. Martens.

Post kiam mi estis anoncinta tiun rezultaton kaj gratulinta la kandidatojn, S-ro Petiau, sekretario de la *Belga Ligo Esperantista*, dankis la novdiplomitojn pro ilia fervoro, kaj S-ro Sebruyns, prezidanto de la *Genta Grupo*, dankis la juĝantaron.

En la nomo de la juĝintoj de l'ekzamenoj, mi ree gratulas la novajn geprofesorojn, kaj speciale F-inon Jennen, kiu havis preskaŭ la maksimumon de la poentoj, kaj S-ron Leflot, Nestoron de la esperantistaj diplomitoj. Tutkoran gratulon indas ankaŭ la *Genta Grupo*, kiu havas jam 23 diplomitajn geanojn.

S ro Babilon konigas kelkajn detalajn pri la morgaŭa ekskurso al Willebroeck kaj Boom.

S-ro D-ro Van der Biest diras, ke dum sia lasta kunsido, la Liga Komitato decidis organizi konkurson pri francaj kaj flandraj propagandaj teatraĵoj, kaj li tutkore dankas S-ron Witteryck, pro lia malavara donaco ; li konigas detalojn pri tiu konkurso.

La sama parolanto petas, ke la grupaj prezidantoj legu en siaj grupoj la malferman paroladon de la prezidanto, kiu estas konsilplena kaj povas nur favori la bonan harmonion inter la belga esperantistaro.

Post kelkaj klarigaj vortoj de S ro Witteryck, la kunsidantaro akceptas unuanime la sekvantajn ŝanĝojn kaj aldonojn al la regularo de la Ligo, proponitajn de la Komitato :

1° — **Art. 6.** — Aldonoj :

*a*) Kiam du delegitoj riprezentas nesamvaloran nombron da voĉoj, la pli granda parto estos aljuĝata al la delegito, kiu estas enskribita la unua kiel riprezentanto de la grupo.

*b*) La grupoj rajtas sendi du delegitojn, nur kiam la nombro da anoj estas minimume 75.

*c*) Oni devas aldoni antaŭ la lasta paragrafo de la art.6a : « Ĉiu grupo rajtas almenau unu voĉon. ».

2e — **Art. 7.** — Ŝanĝoj :

| **Malnova teksto** | **Nova teksto** |
|---|---|
| La direktanta komitato konsistas el :<br>*a*) ses delegitoj elektitaj de la ĝenerala kunveno montrata en la art. 12 ;<br>*b*) la delegitoj de la grupoj. | La direktanta komitato konsistas el :<br>*a*) la delegitoj de la grupoj ;<br>*b*) maksimume ses membroj elektitaj de la grupaj delegitoj, kiuj ne rajtas elekti pli ol du personojn el la sama grupo. |

3e — **Art. 8.** — Forstreko de la sekvanta teksto :

La kandidatoj por la komitata membreco devas esti prezentataj al la prezidanto, per rekomendita letero surhavanta la subskribon de la kandidatoj mem, almenaŭ tri semajnojn antaŭ la ĝenerala kunveno. La prezidanto konigos la nomaron de la kandidatoj al ĉiuj delegitoj almenaŭ du semajnojn antau la kongreso.

La liganoj ricevos specialan voĉdonilon.

4e — **Art. 9.** — Forstreko de la sekvanta teksto :

La direktanta komitato tuj anstataŭigas la komitatanojn elektitajn de la ĝenerala kunveno, kiuj eksiĝis aŭ mortis ; ankaŭ...

5° — Art. 10. — Ŝanĝo :

| Malnova teksto | Nova teksto |
|---|---|
| La komitato povas voĉdoni nur, se almenaŭ la duono de ĝiaj membroj ĉeestas la kunvenon. | La komitato povas voĉdoni nur, se almenaŭ la duono de la grupaj delegitoj ĉeestas la kunvenon. |

Aldono :

La komitatanoj elektitaj de la grupaj delegitoj ne povas sin anstataŭigi.

S-ro MATHIEUX pritaktas la temon : *Kiamaniere konservi la membrojn en la grupoj kaj igi la kunvenojn interesaj.* Lia tre interesa parolado aperos en nia proksima numero.

La prezidanto dankas la oratoron kaj insistas, por ke la grupoj pristudu la raporton de S-ro MATHIEUX.

Sekvas kelkaj «diversaj komunikaĵoj», el kiuj la plej interesaj estas :

La *Norda Federacio* de Francujo invitas la belgajn samideanojn por partopreni en la Norda Kongreso, kiu okazas la 28an de Junio. Enskribprezo : Fr. 5.50 (kongreskarto, festeno, ekskurso, k. t. p.)

S-ro D-ro BOTTE, el Casteau, skribas, ke, estante loka delegito de la Turing-Klubo de Belglando, li notigis en la jarlibron de tiu societo, ke li parolas Esperanton. Li proponas, ke multaj esperantistoj aliĝu al tiu grava societo kaj klopodu por iĝi delegito ; ili povos fari bonan propagandon por nia movado en tiu medio.

S-ro WITTERYCK rekomendas al la kongresanoj viziti la Esperantan ekspozicieton, kiun organizis S-ino RYCKMANS, en la montrejo de sia librejo.

La prezidanto fermas la kunsidon je 12 1/2a h.

Kiel ĉe ĉiuj antaŭaj kongresoj oni faris fotografaĵon de la kongresanoj. Ĝi estis farata en la admirinda korto de la Muzik-akademio. Por ricevi fotografaĵon oni sin turnu al S-ro VAN PETEGHEM, O. L. Vrouwstraat, Mechelen, sendante al li Fr. 2,25.

* * *

La festenon en la *Hôtel de la Cour du Beffer* partoprenis proksimume cento el la gekongresanoj. Prezidis S-ro WITTERYCK, kiu havis ĉe sia dekstra flanko S-ron VAN DEN HENDE, skabenon. Tiu festeno sukcesis je ĉiuj vidpunktoj : la manĝaĵoj estis bonege preparitaj, la servado akurate farita, la kelneroj ĝentilaj kaj la tostoj mallongaj.

La serio de tiuj ĉi komenciĝis per tosto de S-ro WITTERYCK al la Gereĝoj kaj al la Reĝa Familio. La Prezidanto rememorigis la fakton, ke nia Reĝo favoris la Esperantan movadon, akceptante la altan protektantecon de la Esperantista Semajno en Gent.

Oni akceptis sendi salutan telegramon al la Reĝo (°) kaj al D-ro ZAMENHOF.

(°) Jen la respondo de L. R. M. :

Den Heer A. J. WITTERYCK, voorzitter van den *Belgischen Esperantischen Bond*, Steenbrugge.

Hunne Majesteiten zijn zeer gevoelig geweest aan den heildronk door de te Mechelen op uw Kongres vereenigde leden van den *Esperantischen Bond* opgedragen, en zij gelasten mij u en al dezen wier tolk gij waart hartelijk in hunnen naam te danken. 's KONINGS KABINETSOVERSTE.

S-ro VAN PETEGHEM, prezidanto de la Organiza Komitato. dankis la urbestraron de Mechelen pro ĝia morala kaj materia apogo al la Kongreso : la urbo ja delegis sian skabenon al niaj festoj kaj metis je la dispono de l'Kongreso sian festsalonon kaj sian teatron. Li speciale dankis S-ron VAN DEN HENDE.

Tiu ĉi per flandra lingvo gratulis la esperantistaron pro la granda kvanto da sinjorinoj kaj fraŭlinoj, kiuj partoprenas en iliaj laboroj ; li estas konvinkita, ke la movado devas sukcesi, ĉar li scias, kun kia persisteco la virino deziras havi tion, kion ĝi volas.

S-ro PAROTTE trinkas je la sano de la Prezidanto, kiu tiel malavare elspezas tempon, penon kaj monon por la movado.

S-ro D'ARTOIS dankas la samideanojn venintajn el fremdaj landoj kaj trinkas je la universala fratiĝo de la popoloj.

S-ro ADAMS dankas en la nomo de la eksterlandaj kongresanoj kaj parolas dum kelkaj momentoj pri la esperantista movado inter la blinduloj. Li rakontas,ke li vizitis la blindulejon de Woluwe, kie li renkontis multajn adeptojn de nia lingvo. Ni notu ĉi tie la fakton, ke li kondukis al la Kongreso blindan samideanon el sia urbo.

S-ro A. VAN DE VELDE faras toston al la esperantistinoj, en kies nomo respondas F-ino JENNEN. Ŝi promesas, ke la movado daŭre povos certiĝi pri la kunhelpo de la sinjorinoj kaj fraŭlinoj.

S-ro SEBRUYNS trinkas je la sano de la ĝenerala sekretario, S-ro PETIAU, kaj S-ro HENRAUT gratulas la Organizan Komitaton pro la sukceso de la nuna Kongreso.

(*Daŭrigota.*) F. S.

---

# Deka Internacia Kongreso de Esperanto

### Provizora programo de la dumtagaj kunvenoj

Dimanĉon, la 2an de Aŭgusto. Matene : elekto de la naciaj delegitoj ; diservoj. Posttagmeze: solena malfermo de la Kongreso.

Lundon, la 3an. Matene : kunsidoj Lingva Komitato kaj Akademio. P. t. m.: solena malfermo de la Kongreso de U. E. A.

Mardon, la 4an. Matene : unua laborkunsido de U. E. A. P. t. m.: unua laborkunsido de la Kongreso.

Merkredon, la 5an. Fakaj kongresoj kaj kunvenoj.

Ĵaŭdon, la 6an. Tutkongresa ekskurso al Versailles.

Vendredon, la 7an. Matene : dua laborkunsido de U. E. A. P. t. m. : dua laborkunsido de la Kongreso.

Sabaton, la 8an. Matene : tria laborkunsido de U. E. A. P. t. m. : Oratora Konkurso.

Dimanĉon, la 9an. Matene : diservoj ; manovroj de la Ruĝa-Kruco. P. t. m. : solena fermo de la Kongreso.

* * *

## Kelkaj aliaj novaĵoj

Matene la kunvenoj okazos de la 10a ĝis la 12a ; posttagmeze de la 14a ĝis la 17a ; ankaŭ de la 15a ĝis la 19a por malpli gravaj kunvenoj. La kunsidoj de la rajtigitaj delegitoj okazos je la komenco de la laborkunsidoj de la Kongreso.

— Oni sin okupas pri organizo de katolikaj kaj protestantaj diservoj.

— Ĝis nun anoncitaj fakaj kongresoj : Abstinenculoj, Arĥitektuistoj kaj Inĝenieroj, Blinduloj, Bontemplanoj, Farmaciistoj, Feministoj, Fervojistoj, Framasonoj, Instruistoj, Juristoj, Katolikoj, Kuracistoj, Laboristoj, Socialistoj, Liberpensuloj, Policistoj, Pacifistoj, Poŝtistoj, Psikistoj, Publikoficistoj, Sciencistoj, Stenografiistoj, Studentoj kaj Junuloj, Teozofoj, Vegetaranoj, Verkistoj.

— Dum la Kongresa semajno la Komitato organizas dekon da kelkhoraj promenadoj en la urbo kondukitaj de Kongresa helpanto.

Pluajn detalojn pri tiuj promenadoj kaj pri aliaj enurbaj veturilpromenoj kaj eksterurbaj ekskursetoj oni trovos en la eldonota « Manlibro ».

— La nombro de la gekongresanoj nun jam superas 3500.

— *Lasta novaĵo !* La Organiza Komitato antaŭe decidis, ke post la 1a de Junio, la kotizaĵo estos plialtigata ĝis F. 25.— Nun, pro la nombro de la jam enskribitaj samideanoj, ni konvinkiĝis,ke la komitato atingis sian celon (plirapida aliĝo de la granda parto de la venontoj),kaj ni kun plezuro akceptis la bruon, ke la organizantoj redonos 10 frankojn al la geamikoj,kiuj pro malfrua enskribo pagis F. 25,—. (1)

## NEKROLOGIO

Kun granda malĝojo ni sciiĝis pri la morto de F-ino LEONA SOLVYNS, el Muysen (apud Mechelen). F-ino SOLVYNS, kiu havis la ateston pri profesora kapableco kaj organizis plurajn kursojn, estis agema, sindona kaj kompetenta samideanino, kiun ĉiuj ŝiaj multnombraj geamikoj bedaŭros.

(1) Tiu sciigo ostas nun oficiala. (RED).

# BIETJE

Unuakta teatraĵo de MAURITS SABBE

*Tradukita de D-ro W. VAN DER BIEST*

(Fino)

---

JEAN-BAPTISTE (*kiu volas pli laŭte krii*).— Bone, bone, por mi ĝi estas bona, se vi ĝin trovas bona. Sed mi nun iros por alporti alian admirindaĵon al vi... (*Li eliras maldekstre.*)

---

## KVINA SCENO

---

BIETJE. — Nu, ĉu vi timas nun ankoraŭ ?

MONNE (*kapneante*). — Sed vi dresus eĉ drakon !

BIETJE. — Paĉjo Jean-Baptiste tute ne estas drako, li nur de temp' al tempo havas grandan buŝon... Kiun alian admirindaĵon li iris por alporti al mi ?

MONNE (*kun iom da malŝato*). – Sian ordinaran admirindaĵon, sian ĉiujaran admirindaĵon, sian spickukan admirindaĵon !

## SESA SCENO

---

JEAN-BAPTISTE (*solene enirante kun tre granda spickuko ornamita per sukeraj kurvaĵoj kaj bildetoj*). — Kion vi diras pri la jena monumento, Bietje ? Kaj tio estas por vi, via novjara donaco.

BIETJE. — Kia superbelaĵo ! Granda Dio ! Tio estas troa, nepre troa, paĉjo Jean-Baptiste ! Jen, vere, skulptaĵo per sukero. Kioma ĝi estas, kiun mi ricevas de vi ?

JEAN-BAPTISTE. — Vi ricevis tiom da ili, kiom vi havas da jaroj, Bietje. Jen nun la dek-sesa. En ĉiuj konvenaj familioj la baptopatroj tiel agas, je novjaro...

BIETJE. — Kaj tion paĉjo Jean-Baptiste akurate plenumas ! Sed nun ni devas trinki glaseton de la dolĉa vino, kiun patrinjo donis. (*Ŝi provas malŝtopi la botelon*.) Ni devas — ŝi diris — ĝin trinki ĉi tie kiel novjaran trinkaĵon. Ŝi eĉ donis al mi ankaŭ korktirilon.

JEAN-BAPTISTE. – Vinon, vinon, kia honoro ! (*Al Monne.*) Ĉu vi ne sentas tion ?

MONNE. — Jes, jes...

BIETJE. — Jen, helpu min iom. Mi malpurigus mian veston.

MONNE. — Ho, Dio, ne! Tion ne! Ĝi estus bedaŭrinda! Donu ĉi tien! (*Li penas por malkorki la botelon.*)

BIETJE. — Faru vi iom da spaco sur la tablo, paĉjo Jean-Baptiste. Metu la spickukon en la mezon, kaj jen, je ĉi tiu flanko estas loko por la frandaĵoj, kiujn mi kunportis. (*Jean-Baptiste klopodas por aranĝi ĉion, kiel diras Bietje.*)

JEAN-BAPTISTE (*ĝojante kaj fiere, al Monne*). — Nu, kion vi diras pri tio? Ĉu ŝi kapablas ordoni aŭ ne, la jena mastrineto?

MONNE (*dum li ĝemante tiras je la botelo*). — Jes, jes...

BIETJE (*prenante tri glasojn el la ŝranko*). — Jen mi havas jam la glasojn. Nun ĉiu prenu sian seĝon, kaj ni sidas en nia novjara rondeto.

(*Jean-Baptiste kaj Bietje sidiĝas. Monne sukcesas fine eligi la korkon el la botelo.*)

MONNE. — Jen terura laboro! Mi ne kuraĝas enverŝi, mi tro tremas.

BIETJE. — Mi ja faros tion. (*Si enverŝas.*)

MONNE. — Estu singarda, Bietje, pro via vesto.

BIETJE. — Kia vi trovas ĝin? Ĝi estas nova.

JEAN-BAPTISTE. — Admirinda. Vi similas princineton!

MONNE. — Kaj princineto ŝi ja *estas*.

BIETJE. — Nu, je l' sano de vi ambaŭ! (*Ili alfrapetas la glasojn kaj trinkas.*)

MONNE. — Jen vineto post kies trinko oni lekus siajn lipojn.

JEAN-BAPTISTE. — Mi trinkas je via sano, Bietje, je tiu de via patro, la Notaria Moŝto, kaj de la Sinjorino, via patrino, al kiuj mi tuj en ilia domo prezentos miajn novjarajn gratulojn.

BIETJE. — Sed ne tiel rapide! Ni nur ĵus sidiĝis, kaj tiel agrable al mi ŝajnas, esti unu momenton ĉi tie, precipe je novjar-mateno. Ĉu vi ne trovas, ke je novjaro io mirinda ŝvebas en la aero, io, kio penetras en ĉiujn homojn kaj ilin ĝojigas?

MONNE (*senintence*). — Jean-Baptiste diras: *nov*jaro aŭ *malnov*jaro, ĉio tio estas sama.

JEAN-BAPTISTE (*senpacience*). — Nenion mi diras. Kie vi prenis tion?

BIETJE. — Ne, certe paĉjo Jean-Baptiste ne diris tion. Ĉiu estas tiam bonhumora kaj prezentas siajn plej bonajn dezirojn al parencoj kaj amikoj. Mi trovas ĝin tre agrabla tago. Vi ja ankaŭ, ĉu ne? Sed mi ne ankoraŭ aŭdis, kion vi donis unu al la alia kiel novjaran donacon. — Vi silentas ambaŭ? Nu, diru ĝin al ni.

JEAN-BAPTISTE (*ĝenite*). — Inter homoj je nia aĝo tio ne estas plu farata, Bietje.

(*Monne kape aprobas, enpense.*)

BIETJE. — Tio ne estas tute vera, mi konjektas. Sed almenaŭ vi donis unu al la alia bruan kison, hodiaŭ matene? (*La ĝeno de Jean-Baptiste pligrandiĝas. Monne rigardas kun espero sian fraton. Paŭzo.*) Sed vi ambaŭ silentas denove!

Jean-Baptiste.—Tio ne estas farata inter viroj... (*Li trinkas por ŝajni neĝenita.*)

Bietje. — Eraro, paĉjo Jean-Baptiste! Miaj fratoj sin interkisis ĉiuj, kaj paĉjo kisis onklon Theophiel kaj onklon Adrien ankaŭ.

Jean-Baptiste (*malrapide, serĉante senkulpigvortojn*). — Jes, sed... jes, sed...

Bietje. — Ne diru: « jes, sed »! Tio *devas* okazi je novjartago. La homoj, kiuj interamas sin, devas montri tion je tiu tago.

Monne (*kiu konvinkiĝo*). — Jes.

Jean-Baptiste (*multe malpli forte, indiferente*). — Jes.

Bietje. — Vi ja ne koleras unu kontraŭ la alia, ĉu ne?

Jean-Baptiste (*ne ŝanceliĝante, kvazaŭ li devus sin defendi kontraŭ kulpigo*). — Tute ne. Kial ni kolerus unu kontraŭ la alia?

Bietje. — Nu, kial vi ne interkisas vin?

Jean-Baptiste. — Ho, jen estas kutimoj, kiuj diferencas de unu familio al alia.

Bietje. — Bonaj kutimoj devas esti aplikataj ĉie. (*Kun intenco.*) Precipe en la bonaj, konvenaj familioj, paĉjo Jean-Baptiste.

Monne (*kun ĝojbrilantaj okuloj*). — Kia advokato! kia advokato!

Bietje. — Mi ĝin vidas jam. Paĉjo Monne donos la kison al paĉjo Jean-Baptiste.

Monne (*stariĝante*). — Mi estas preta, Bietje!

Bietje. — Bonege! Jen viro! jen viro! Kaj nun vi, paĉjo Jean-Baptiste? (*Ŝi iras al li kaj igas lin stariĝi.*) Nu, antaŭen. Ĉu vi estos malpli bona? Nu, ĉu vi venas? Rapidu. Unu, du, tri... Ne ankoraŭ?

(*Jean-Baptiste kaj Monne staras unu kontraŭ la alia kun mallertaj movoj de l'brakoj. Kiam ili ekvidas sin reciproke, ili strange ridetas. Bietje ekscitas ilin per puŝetoj sur la dorson, por ke ili proksimiĝu unu al la alia. Fine Jean-Baptiste sin klinas al Monne kaj ili interkisas sin. Poste ili residiĝas.*)

Bietje. — Bone, bone, bonege! Nun la tuta jaro estos feliĉa. Vi vidos tion. (*Jean-Baptiste kaj Monne pripensadas. Paŭzo.*) Kaj kion vi pripensas jen ambaŭ?

Jean-Baptiste (*reveme*). — Nenion, Bietje, nenion.

Monne. — Mi pripensas, kiom da tempo forflugis, de kiam ni kisis unu la alian. Patrinjo vivis ankoraŭ, ni estis interdisputintaj. (*Moveto de Jean-Baptiste.*) Jes, lasu min pensi. Mi scias tion ankoraŭ tiel bone. Kaj tiam patrinjo intermetiĝis kaj diris, ke ni devas ĉesi nian disputon kaj kisi unu la alian. Tion kapablis patrinjo... kaj tion kapablas Bietje ankaŭ... (*Paŭzo.*)

Bietje. — Ĉu tio estas vera, paĉjo Jean-Baptiste? Vi ja nenion diras!

Jean-Baptiste. — Nu, nu, ni parolu pri io alia... Kiujn novajojn el la edukejo, Bietje? Pri tio ni ankoraŭ nenion aŭdis.

Bietje. — La edukejo? Nu, ĉio okazas tie kiel ĉiam tie. Ne kiel hejme. Sed ĉiujn tiujn tedaĵojn oni devas travivi tie antaŭ ol fari sian *entrée dans le monde*; kaj tial mi humile min submetas. Literaturo, muziko, *savoir-vivre*, *maintien*, dancado kaj mi ne scias plu ankoraŭ kio, ĉio tio forpasigas la tagojn.

Monne. — Nun vi volas kredigi al ni falsaĵon, Bietje.

Jean-Baptiste. — Kial vi permesas al vi diri ion tian?

Monne. — Danci, ŝi diras. Sed tion oni ja ne lernas en la lernejoj. Neniam mi aŭdis ion pri tio. Kalkuli kaj literi kaj skribi multe da punskriboj, jes, sed danci!

Jean-Baptiste. — Ĉu vi denove forgesas, ke Bietje estas en unuranga lernejo?

Bietje. — Certe ni tie lernas danci. Kaj eĉ bele danci! Dancojn, kiajn vi sendube neniam vidis. Ĉu vi jam vidis menueton dancata? Ne? Ho! Sed vi devas vidi tion. Helpu min por flankenŝovi la tablon, paĉjo Jean-Baptiste. (*Ŝi volas kunhelpi, sed Monne rapide anstataŭas ŝin. Ambaŭ fratoj alilokas la tablon.*) Nun mi devus havi ventumilon. (*Ŝi ĉirkaŭenrigardas.*)

Monne (*al Jean-Baptiste*). — Ŝi devus havi ventumilon.

Jean-Baptiste. — Ventumilon, ventumilon?

Bietje (*preninte pecon da papero de la tablo*). — Mi faros ĝin per ĉi tio. Kaj nun la muzikon. Ho jes, vi ne konas ĝin, ĉu ne, paĉjo Monne?

Monne. — Mi konas arieton titolitan menueto, sed ĉu ĝi precize estas via danco, mi ne scias.

Bietje. — Aŭdigu ĝin.

Monne (*dum li demandante, ŝanceliĝante, rigardas sian fraton*). — Mi ne scias, ĉu...

Jean-Baptiste. — Sed kiam oni deziras ion de vi, faru ĝin ja.

Monne (*irinte al la klavceno kaj ludante kelkajn taktojn de menueto*). — Tio estas malnova, malnova...

Bietje. — Sed jen precize! Rekomencu... Nu... Unu, du, tri. Mi komencas mian dancon.

(*Bietje dancas menueton; Monne ŝin akompanas, sekvante en ekstazo ŝiajn movojn. Jean-Baptiste estas same ravita de admiro. Dum Bietje dancadas, ambaŭ fratoj esprimas sian entuziasmon.*)

Monne. — Ho!

Jean-Baptiste. — Ĉu oni iam vidis ion tian?

Monne. — Rigardu, kiel ŝi puntofaras per la piedetoj!

Jean-Baptiste. — Ĉu ŝi nun ŝvebas aŭ marŝas? (*Li faras kelkajn krurmovetojn.*)

Monne. — Araneo ne tiel gracie kaj malpeze teksas sian fadenaron!

Jean-Baptiste. — Ĝi ekmovus eĉ miajn krurojn, tiu danco. (*Li faras pli kaj pli da dancmovoj. Tuj kiam Bietje ekvidas tion, ŝi ĉesas sian menueton kaj kuras al Jean-Bapitste.*)

BIETJE. — Ho jes, paĉjo Jean-Baptiste, dancu kun mi! Jes, dancu kun mi! Dancon, kiun ni konas ĉiuj, venu. La kontradancon de Marion-Marionnette! Loku vin ĉi tien! Rapidu... Mi ĉi tie! (*Ŝi fortiris Jean-Baptiste kaj lin lokis je la maldekstra flanko de l'scenejo. Ŝi staras dekstre.*) Nu, paĉjo Monne, ludu Marion!

MONNE (*rigardinte ĉion kun infana ĝojo, ekludante la arieton Marion je la klavceno*). — Nu, antaŭen!

(*Bietje kaj Jean-Baptiste kontradancas unu al la alia: Jean-Baptiste peze kaj mallerte, iom karikature, Bietje tre gracie. Ili kantas:*)

Jen la riĉa, riĉa, riĉa
Marion-Marionnette,
Jen la riĉa, riĉa, riĉa
Marion!

MONNE (*kiu dum sia ludado kunfaris per sia tuta korpo movojn laŭ la ritmo de l'arieto, kaj kiu ne povas plu sin deteni kaj stariĝas*).— Mi ankaŭ! Mi ankaŭ!

BIETJE (*ĝojplene*). — Bonege! Paĉjo Monne ankaŭ! Ĉiuj kune! Vi ĉi tie... kaj mi meze!

(*Ŝi donis sian lokon, dekstre, al Monne kaj sin lokas mem antaŭ la stratpordon.*) Nu, antaŭen!

(*Triope ili kontradancas unu al alia. Ili kantas:*)

Jen la riĉa, riĉa, rica
Marion - Marionnette,
Jen la riĉa, riĉa, riĉa
Marion!

(*Je la fina vorto Jean-Baptiste kaj Monne spiregante kaj blovante falas sur seĝojn, tamen ridante laŭte kaj longtempe, kune kun Bietje.*)

MONNE. — Neniam oni ĝin dancis tiel bele, kiel hodiaŭ! De pli ol duonjarcento mi ne plu dancis Marion!

BIETJE. — Kaj tamen ĝi bone sukcesas, ĉu ne? Kaj paĉjo Jean-Baptiste estas ankaŭ dancmajstro! Sed nun mi devas foriri, estas jam tro malfrue! Eble mi ne trovos plu onklinon Zoë hejme. Mi estas for! Tagon, paĉjoj ambaŭ!... Ve, mian spickukon mi ne povos kunpreni, kaj mian skatolon!...

JEAN-BAPTISTE. — Lasu tion, Bietje; mi tion prizorgos. Varmige nur vestiĝu. Ĝis baldaŭ, tagon, Bietje!

MONNE. — Tagon, Bietje!

BIETJE (*prenante la manon de ambaŭ, kaj ĉe la pordo ĵetante ankoraŭ mankisojn*). — Tagon, paĉjoj! Tagon, Marion! Tagon, Marionnette!

---

## SEPA SCENO

---

(*Jean-Baptiste kaj Monne komence kuras kelkatempe sen celo tra la ĉambro. Subite ili staras unu kontraŭ la alia, rigardas sin reciproke kaj ekridas.*)

JEAN-BAPTISTE. — Se tiu ne estas feineto, Monne...!

MONNE. — Ŝi estas! Jean-Baptiste! La feineto de nia feliĉo!

JEAN-BAPTISTE (*fiere*). — Kaj *mia* baptofilino!

MONNE. — Kaj via baptofilino, jes. (*Ŝanceliĝante.*) Ĉu mi povas diri ion, Jean-Baptiste? Mi tiom dezirus ion diri...

JEAN-BAPTISTE. — Diru, se nur ne estas...

MONNE. — Ne, ne, Jean-Baptiste, vi estos kontenta pri tio, kion mi volas diri. Mi certe tion pensas... (*Enpense li levas tri fingrojn kaj deprenas unu.*)

JEAN-BAPTISTE. — Nu, kie restas via parolado?

MONNE. — Ĉu vi ne ekkoleros? (*Ŝanceliĝante.*) Mi volus peti de vi, ke ni kune faru testamenton...

JEAN-BAPTISTE. — Testamenton, testamenton...

MONNE (*daŭrige necerte, ŝanceliĝante*). — Lasu min paroli, Jean-Baptiste. Mi mortos la unua, tion mi scias. Post mia morto ĉi tiu domo estos por vi, tio estas evidenta.

JEAN-BAPTISTE. — Kompreneble.

MONNE. — Sed mi volus jam de nun enregistrigi, ke, kiam ni estos mortintaj ambaŭ, la domo estos por Bietje.

JEAN-BAPTISTE (*silentas longtempe. Li mirante rigardas Monne. Fine li parolas*). — Diru, kiu sugestis tion al vi?

MONNE. — Neniu! Mi mem, tute sola, pripensis tion.

JEAN-BAPTISTE. — Ĉu *vi* trovis tion? Vere? Kaj mi, kiu neniam pensis pri io tia! — Venu ĉi tien, Monne, donu al mi vian manon! Mi ĉiam juĝis vin multe pli malsprita, ol vi estas efektive. Mi petas senkulpigon! — Jes, mi trovas vian ideon bonega. Hodiaŭ mem mi komunikos ĝin al la notario.

MONNE. — En la nomo de ni ambaŭ, ĉu ne?

JEAN-BAPTISTE. — En la nomo de ni ambaŭ, kaj la akto estos farita jam la nunan semajnon. Helpu min nun por envolvi la spickukon. (*Ili envolvas ĝin en paperon.*) Kaj surmetu al mi mian ĉapelon. Mi iras.

MONNE (*timetante*). — Kaj mian skatolon?

JEAN-BAPTISTE. — Tion ankaŭ? Nu! Ŝovu ĝin sub mian brakon. — La skatolon de vi, la spickukon de mi, kaj la testamenton de ambaŭ ni. (*Li foriras.*)

MONNE (*dum la ŝarĝita Jean Baptiste foriras, Monne iras al la klavceno kaj ekludas tre mallaŭte, kun ridetanta vizaĝo, kelkajn taktojn el la menuelo, dolĉe dirante*). — Bietje, Bietje! Patrinjo, patrinjo...



# Nova Sporto

Mi deziras diri kelkajn vortojn pri nuntempaĵo : pri sigel-kaj reklammarkoj.

Ne tro miru : tiu temo estas multe pli grava kaj interesa,ol mi sciis antaŭ nur malmultaj semajnoj. Dum mia lasttempa restado ĉe la marbordo mi konatiĝis kun okjara germana knabo, kiu fiere vantis sian kolekton da reklammarkoj (ne poŝtmarkoj). Fine li malfermis sian albumon, kaj jam je la unua ekvido mi konstatis, ke mi konatiĝis kun nova sporto. Nova sporto naskiĝis : oni kolektas stampojn, sigelmarkojn, reklammarkojn.

La plej multenombraj kolektantoj estas la infanoj. En la ludejoj, promenadejoj, okaze de ĉiuj kunvenoj, precipe en la lernejoj, ĉie, oni vidas ilin kun skatoloj, cigarkestoj aŭ albumoj kaj kajeroj sub la brako. Nur singardeme oni malfermas la kestojn kaj ujojn, por ke maloportuna venblovo ne malordigu la multkolorajn trezorojn, la markojn.

La borso komenciĝas, oni aĉetas, oni interŝanĝas,oni forgesas la mondon,ĉar la infanoj jam de longe fariĝis spertaj, ruzaj komercantoj kaj kompetentuloj, kaj kun granda seriozeco kaj eĉ pasio oni komercadas. Mi jam vidis en ilustrita ĵurnalo kliŝaĵon « la borso por markoj en Berlino », kaj legis, ke ĵunuleto ŝtelis oran poŝhorloĝon, por interŝanĝe akiri de alia infano tri maloftajn reklammarkojn.

La infanoj sin okupas precipe pri komercaj sigelmarkoj. Sub la premo de la infanoj la familioj ne plu aĉetas tie, kie oni ne disdonas markojn, ĉu kun la firmo de la vendisto ĉu de liaj liverantoj, kiel ni kutimas postuli kalendarojn je novjaro. Se vendisto ne havas markojn aŭ se li ne havas novajn seriojn, oni forlasas kun malŝato la vendejon ne aĉetinte.

Kolektadfuriozo ekkaptis la infanaron, kaj per kaj pro ĝi la familiojn. La lernejestraro punminacas la infanojn, kiuj venas en la lernejojn kun markoj, kaj ĝi ege petis la gepatencojn kunhelpi ke la kolektfuriozo ne tro malatentigu la infanojn.

Kiel mi jam diris, travidi la albumon de la knabo estis por mi agrabla surprizo ; mi konstatis,kiun mirindan vastecon jam atingis la produktado de komercaj sigelmarkoj. Sed ne nur komercaj firmoj disdonas reklammarkojn (ĉiam novajn seriojn),sed ĉiuspecaj asocioj, grupoj, urboj, ekspozicioj, kongresoj kreis stampojn, kaj jam de longe la plej bonaj artistoj kaj spertuloj servas la novan sporton.

La grandega vendejo en Berlin « Waarenhaus des Westens » jam aranĝis la unuan gravan ekspozicion de reklam - kaj sigelmarkoj aŭ stampoj. Ĝia kolekto ja ne estis farita por infanoj, sed por plenaĝaj personoj, por la veraj kolektantoj, kiuj komerce sin okupas pri la nova sporto, kaj kiuj jam utilas pli malpli grandajn monsumojn en tiu komerco. Kun miro oni aŭdas, ke inter ĉi tiuj markoj estas veraj maloftaĵoj, jam disvenditaj kaj ne plu troveblaj en la komerco.

Ekzistas ankaŭ jam fuŝmarkoj, falsaĵoj ĉiuspecaj,kaj tre multekoste oni pagas iujn specimenojn kun perseraroj. Ekzemple : oni oferas 50 Mark por la sigelmarko de la nun en Leipzig okazanta ekspozicio de libroj kaj printarto, kaj sur kiu mankas unu litero « s ». Franca fanatikulo pagis 150 Mark por unu folio da sigelmarkoj de la en Dresden okazinta artekspozicio de

l'jaro 1909. La marko elmontras tre arte faritan giganton ĉirkaŭvolvitan de grandega serpento.

En la nuna momento estas neeble diri, kiom da sigelmarkoj jam ekzistas ; tiu demando okupos la spertulojn, kiuj komencis krei katalogon. Ĝi komenciĝos de la jaro 1870, ĉar tiam la ekspozicio de Graz eldonis, la unua, modestan, simplan sigelon, kiu zorge imitis glumarkon. Verŝajne one intencis plifaciligi al la vizitontaj de la ekspozicio la fermon de la leteroj.

Esplorante pli detale, la spertuloj trovos eble pli aĝan pramarkon, kiu scias ? La vero estas, ke dum la jardeko de 80 kaj 90 de la pasinta jarcento glumarkoj nur tre modeste vivetis, kaj oni do komprenas, ke por markoj el tiu tempospaco oni pagas nun altajn prezojn.

Dum mia komerca lernanteco, dum la jaroj 1866 ĝis 70, oni algluis ankoraŭ sur la leterojn sigelmarkojn, tute similajn al la marko de Graz, pri kiu mi supre parolis. Post 1870 oni ne plu ilin uzis, kaj mi neniam estus pensinta, ke nun, 40 jarojn poste, mi parolos pri tio, kion ni tiam nomis « antikvamodan uzaĉon ». Mi parolas pri la malnovaj, simplaj sigelmarkoj nur por kompari ilin kun la belegaj, arte faritaj nuntempaj reklammarkoj de la komerco kaj industrio.

De 1870 ĝis 1896 do oni ne multe scias pri sigelmarkoj. Venis dum 1896 la industria ekspozicio en Berlin, kaj ĝi rimarkinde progresigis la demandon. Centmiloj kaj centmiloj da ekspoziciaj markoj estis algluataj sur leteroj, poŝtkartoj kaj paketoj, kaj de tiam la sigel-kaj reklammarkoj rapidege, kun ĉiam kreskanta graveco, traflugis la mondon.

Nuntempe ili prezentas, krom la komercaj firmoj, vidaĵojn de urboj kaj de konstruaĵoj, famkonatajn bildojn, artaĵojn kaj tiel plu. Ciuj landoj de la civilizita mondo partoprenas la la konkurencan batalon kontraŭ Germanujo, ĉar nedube, Germanujo ĝis nun produktas la plej arteplenajn, la plej belajn markojn ; ĝi estas la ĉefliveranto de la mondo. Mi ne forgesu citi ĉi tie la tempe paralelan mirindan disvolvigon de la ilustrita poŝtkarto, kies malpligrandiĝo la sigelmarko sume nur estas.

Modernaj artistoj kaj pentristoj kreis ĉarmajn seriojn da markoj, kiuj nun ne plu estas troveblaj aŭ aĉeteblaj ; oni elmontras ilin zorge aranĝitaj en glaskestoj.

Ĉefe altŝatataj estas la skizoj kaj projektoj, faritaj por la sigelmarkkonkursoj, ĉar evidente ili ekzistas nur en malmultaj ekzempleroj. Oni citas mirindajn prezojn, pagitaj por tiuj maloftaĵoj.

La nova industrio kreis ankaŭ markojn de pli ĝenerala intereso, kiel ekzemple bela granda marko kun la bildo de la duko de Orléans ; ĝi estas ĉirkaŭita de franctrikolora rando kaj la sursbribo « Vivu la duko de Orléans ! ». Ekzistas multaj Esperantaj markoj, ankaŭ idistaj, kaj la estraro de la olimpiaj ludoj en Stokholm (1912) sukcesis eĉ eldoni sigelmarkojn en 16 lingvoj.

Oni ne bezonas esti lerta profeto por antaŭdiri, ke la nova sporto estas baldaŭ kreinta multvalorajn kaj rimarkindajn kolektojn. Grupoj formiĝos por komuna kolektado, novaj ĵurnaloj aperos, katalogoj naskiĝos, samcelantaj la flegon kaj plifaciligon de la nova sporto. Kontraŭe oni forgesos eble alian, kiel ne plu modernan.

F. ROMMEL.

# La malnova tubĉapelo

En nia mansardo mi trovis malnovan tubĉapelon.

Larĝa supre kaj malsupre, kaj multe pli mallarĝa meze, kun randoj preskaŭ unu manon grandaj : ĝi estas malnova ĉapelo el pasinta tempo, nun taŭganta nur kiel amuzilo dum karnavalo.

De sesdek jaroj, eble, ĝi estis falinta inter la muro kaj alta horloĝkesto. Tute kontenta senti sin forgesita, ĝi restis kaŝita, kompareble al homo, kiu,multon suferinte, ĉiumomente timas, ke oni lin mokos...

Kiam mi ĝin eltiris el ĝia kaŝejo kaj ĝin konsideris, tute grizan je polvo, mi unue ridetis, vidante laŭ kiuj strangaj modoj oni iam vestiĝis, kaj pensante, nevole, ke ridindaj estis la homoj, kiuj, en tiuj malproksimaj tempoj, surmetis tiujn komikaĵojn.

Mi tamen prenis balaileton, kaj mi senpolvigis la malnovan silkĉapelon.

Tutdolĉe forflugis la polveroj, kaj iom post iom la ĉapelo renigriĝis sub la balaileto.

Ĉar mi, tion farante, staris apud la tegmentfenestro, la sunlumo falanta sur miajn manojn iomete rebriligis la malnovan tubĉapelon, kiun mi jus estis trovinta, kaj subite mi klare eksentis, ke la mortintoj kaj tiuj, kiuj nun estas maljunuloj, tamen ankaŭ ĝuis iam sian junecon.

For estis la ridemo, kaj mi certe ne plu pensis vin moki, antikva ĉapelo, ĉar, vin rigardante, mi kvazaŭ sentis la impreson, ke mi estas apud tre, tre maljuna viro memorparolanta pri sia unua amatino, kaj jen mi ekvidis vin, ho malnova ĉapelo, tute belaspektan kaj freŝbrilan, kiel vi estis, kiam oni eltiris vin el via skatolo.

* * *

Estas en Kondroza (1) vilaĝo, iun majan tagon, ĉirkaŭ la tria posttagmeze.

Super la arbareto, belvetera suno gaje radias, varmigas la kamparon, kaj tie, tre malproksime, brilegas preĝeja tegmento inter la arboj.

Oni sentas en la aero ion dolĉan, kiu bonodoras kaj bonfaras.

Kaj subite, jen, ĉe kurbiĝo de l'vojo, aperas la edziĝa sekvantaro.

Unue venas la juna geedza paro, naive fiera kaj tute vivofeliĉa.

La edzino surhavas sian novan floretodesegnan jupon ; siajn ŝultrojn kovras bruna ŝalo, kaj ŝia vizaĝeto montriĝas tute freŝkolora sub la blanka kufeto, kiu ŝin tiel gracie kapvestas.

(1) *Kondrozo* estas parto de la belgaj provincoj Liége kaj Namur, inter la rivero Ourthe kaj la riverego Meuse.

Jen do, vere, estas veninta la grava tago, jen ŝi estas edzino !

Kaj la junulino rememoras la fianĉintempon, ŝi rigardas la kamparon kun la altkreskantaj grenoj, la kreskaĵbarilojn tutverdajn kaj, ĉe l'bordoj de l'vojo, la bluajn virgulinokuletojn (1) malvolviĝantajn je l'suno.

Ĉion tion ŝi vidas, kaj ŝi bone eksentas, ke esti juna estas granda feliĉo. Kaj, tute ĝoja, pli forte ŝi apogas sin sur la brako de sia edzo apud ŝi marŝanta.

Li, kun sia tubĉapelo kaj la rigida kolumo preskaŭ atinganta liajn orelojn, sin tenas tute rekta, iom ĝenata senti sur sia dorso beldrapan veston, li, kiu ĉiam trovis tiel komforta sian longan semajntagan kitelon.

Kaj, pro feliĉego kvazaŭ sufokanta, li nenion trovas por diri al sia edzino, nenion ol ripetadi al ŝi, mallaŭte kaj tre dolĉe : « Mia filino, ho, filineto mia ! » (2)

Apud ili, alaŭdo plenvoĉkantante eksuprenflugis kontenta.

Kaj ĉie ĉirkaŭ la juna paro, tute lumhela etendiĝis la kamparo. Flavaj floretoj, en la herbejoj, similis gutojn da suno. La vento dolĉe movis grandajn spacojn da sekalo jam greniĝinta. Hordekampoj havis arĝentan koloron. Kaj el la trifolio diselspiris bona odoro de juneco kaj vivkuraĝo.

Naŭ aŭ dek paroj sekvis la unuan. La junularo unue venis ridanta kaj petolema, antaŭĝojanta la realvenon tien por kanti kaj danci. La muljunuloj, kiuj ne plu rapide marŝas, sekve venis, ankaŭ ĝojante esti baldaŭ reirintaj, ne por danci, sed por festeni kaj trinki kelkajn glasojn da vino.

Kaj lasta el ĉiuj, la patrino de l'juna edzo rigardas sian filon, kiu tie antaŭ ŝi marŝas, kun sia alta tubĉapelo brilanta je l'suno.

La maljunulino demandas sin, ĉu ŝia filo estos pli feliĉa, ol ŝi mem estis, ĉu lia edzino kaj li pace kaj boninterkonsente kunvivos, kaj ĉu la nova tubĉapelo, kiu tiel gaje rebrilas en la maja sunlumo ĉeestos nur baptojn kaj festojn.

* * *

En nia mansardo malnovan tubĉapelon mi trovis.

Larĝa supre kaj malsupre, kaj multe pli mallarĝa meze, kun randoj preskaŭ unu manon grandaj : estas malnova ĉapelo el pasinta tempo, kiu nun taŭgas ankoraŭ nur kiel amuzilo dum karnavalo.

*Traduko* (3) *de* J. PAROTTE. F. RENKIN.

(1) « *les p'tits bleûs oûy's d' Avièrge* » popola nomo de la veroniko komuna, (france : véronique petit chêne, flandre : eereprijs.)

(2) « *Mi fèye, mi p'tite fèye, va !* » Kompreneble en la senco : karulino, karulineto mia. En ĉi tiu tutspeciala, al la kutimo de nia popolo tute konforma uzo de l'vorto «filino», kaŝe sentiĝas karakteriza aspekto de l'popola walona sentemo. Same kiel tie ĉi la vorto « filino » ŝajnas al walona popolano plej delikata kaj taŭga esprimo de profunda amo al la amatino, li ofte alparolas amikon, laborkunulon, k. t. p., prefere per la vorto *frè* (frato).

(3) La originalo, walone verkita, aperis en *Li Mestiê* (La Vilaĝmuzikisto), 1895, n-ro 8. La aŭtoro naskiĝis en Liège, la 12an de Marto 1872 kaj mortis en Ramioul-Ramet la 17an de Februaro 1905. *(Notoj de l' tradukinto.)*

# Diversaj Informoj

**Gratulo.** — Ni varme gratulas Ges-rojn J. CLERBAUT-VAN OPPENS (Boom), kiuj pliriĉiĝis je fileto.

**Interesa iniciato.** — La *Internacia Ligo por faciligi la restadon de fremduloj en landoj, kies lingvon ili nekonas* dissendis prospektojn, per kiuj ĝi antaŭdiras, ke « iam, internacia lingvo, klara, simpla kaj logika, (tia, kia Esperanto) devigos al ĉiuj homoj interkomuniki. » Atendante tiun tagon, kiel nin direkti en fremdaj landoj per la lingvoj, kiujn ni konas ? — Kaj la Ligo prezentas kiel solvon al tiu grava demando, la surmeton de insigno, celanta informon pri la lingvoj, kiujn parolas la portanto de la insigno. Laŭ internacia kodo ĉiu lingvo estas reprezentat aper koloro (Esperanto = nigreverda kun blanka borda, Franca lingvo = blanka, Nederlanda = oranĝa, Angla = ruĝa k. t. p.) kaj la insigno surhavas la kolorojn de ĉiuj lingvoj parolataj de la portanto. Por ĉiuj informoj pri tiu ideo oni sin turnu skribe al S-ro EMILE BAYE, direktoro de la *Granda Hotelo de la Familioj* kaj de la *Kazino*, en Coq s/Mer, Belglando.

**Kongreso de « Homaranoj »** (t. e. de homoj, kiuj, akceptante la necesan dividiĝon de la homaro laŭ regnoj kaj landoj kaj alte estimante la amon al nia patrujo kaj fidelecon al sia regno, malaprobas la dividiĝon de la homaro laŭ reciproke sin malamantaj gentoj kaj volas esti ne ŝovinismaj gentanoj, sed nur homoj kaj civitanoj de siaj landoj) okazos en Aŭgusto en Bern. Informojn oni petu de S-ro J. SCHMID, Steigerweg, 26, Bern.

**Grava alvoko.** — La Centra Komitato de la *Internacia Ligo de Kristanaj Unuiĝoj de Junaj Viroj*, kiu en 4 diversaj landoj kalkulas preskaŭ 9000 Unuiĝojn kun pli ol 1.200.000 membroj entute, nun pli kaj pli konvinkiĝas pri la utileco kaj progresoj de Esperanto kaj jam promesis diskonigi raportojn kaj klarigojn pri nia afero inter la K. U. J. V., por helpi al ĝia disvastigado en la tuta mondligo.

Kiam sufiĉe la Unuiĝoj lernos Esperanton, oni certe akceptos la lingvon oficiale kiel interkomprenigilon.

Estas do la plej grava kaj tre ĝojiga devo de ĉiu kristana esperantisto, helpi je aranĝo de vasta propagando de Esperanto en la K U. J. V. Ĉiu, kiu povas interrilati kun ia K. U J. V., estis insiste petata :

1. tuj aranĝi paroladon pri Esperanto antaŭ la Unuiĝo.
2. doni klarigojn pri Esperonta gramatiko kaj vortfarado buŝe aŭ skribe.
3. aranĝi kursojn pri Esperanto por la anoj.

Ĉiuj necesaj informoj estas riceveblaj de S-ro PAUL HUEBNER, redakcio de *Dia Regno* (Esperanta organo por K. U. J. V.), en Delbrinck apud Köln (Germanujo).

**Esperanto en la Saksa Parlamento.** — Post kiam la saksa ministerio pri publika instruado malakceptis la peton de la Esperanto-unuiĝo de saksaj instruistoj pri enkonduko de Esperanto, S-ro deputato D-ro STECHE, en la kunsido de la 2a de Aprilo kritikis la decidon de la ministerio, ĉar tia decido ne estas konforma al la postuloj de la nuntempa progreso. S-ro D-ro STECHE detale parolis pri la granda disvastiĝo de Esperanto kaj ĝia pedagogia valoro. Ministro S-ro D-ro BECK aldonis, ke Esperanto kaj la instruado de Esperanto multe progresis lastatempe, kaj tion oni devus atenti. Se ankoraŭ ne estas la momento enkonduki Esperanton kiel nedevigan fakon, la ministerio almenaŭ devus senpage disponigi lernejajn ĉambrojn. S-ro deputato D-ro SCHANZ plene konsentis kun S-ro D-ro STECHE kaj dankis speciale la instruistojn, kiuj prenis sur sin la senpagan instruadon de Esperanto. (El *Esperanto* )

# BIBLIOGRAFIO

**Vortoj de Zamenhof** (Biblioteko de « Ĉasopis Ĉeskyck Esperantisti » N° 7). Eldonanto : Ed. Kühnl, Praha II, Dittrichova ul. 7 (Bohemujo). 76 paĝoj, 18 × 12 1/2 cm. Prezo : Fr. 0.80, Sm. 0.310.

La enhavo konsistas el *La Espero*, Letero pri la deveno de Esperanto, Paroladoj de Zamenhof en la 8 unuaj internaciaj Kongresoj, Parolado en la Londona Guildhall, Cirkulera letero (18-1-1908) al ĉiuj esperantistoj, kaj Deklaracio pri Esperantismo. Tiun bele presitan libron ni rekomendas al ĉiu nova kaj ankaŭ malnova esperantisto ; ĝi enhavas ja kolekton da gravaj historiaj dokumentoj, kaj ĝi samtempe estas belega specimeno de la Zamenhofa stilo.

**Nova propono koncerne proporcinombran elekton ĉe elekto al deputatĉambro**, de THORVALD KORNERUP, cand. polit., poŝtestro en Holbaek (Danlando). 8 paĝoj, 29 × 20 cm. En Esperanta kaj franca lingvoj.

**Universala Unuiĝo** 1914, vol. II. Organo por homa unuiĝo en ĉiuj formoj de la pensoj kaj agoj. 16 paĝoj, 25 1/2 × 16 1/2 cm. Prezo : Fr. 0.25, Sm. 0.10. Agentejo « Esperanto », Lubjanski projezd, 3, Moskva (Ruslando).

**Naŭa Universala Kongreso de Esperanto** (Bern, 24-31 Aŭgusto 1913), 26a kajero de la Esperantista dokumentaro pri la oficialaj, historiaj, bibliografiaj kaj statistikaj aferoj. Eldonita de la Esperantista Centra Oficejo, 51, rue de Clichy, Paris. 166 paĝoj, 25 1/2 × 16 1/2 cm. Prezo : Fr. 3.—

**Esperanta Gvidlibro de Genova.** Eldonita de la Genova Esperanto-Unuiĝo, poŝtkesto 922, Genova (Italujo). 14 paĝoj, 15 1/2 × 11 1/2 cm.

Enhavas laŭ profesia ordo la nomojn kaj adresojn de la esperantistoj de Genova. Al ĉiu grupo, kiu sendos respondkuponon, la eldoninta societo havigos 5 ekzemplerojn.

**La difino de la dattago en la kristana epoko**, nova simpla metodo por elkalkuli senskribe (ankaŭ sen tabeloj) la semajntagojn por ĉiuj datoj de la jaro 4 ĝis 5000 post Kristo laŭ kalendaroj julia kaj gregora, de D-ro E. FLEISCHER. Eldonejo : Ader & Borel, G. m. b. H. Esperanto-Verlag, Dresden A 1. – 20 paĝoj, 15 1/2 × 11 1/2 cm. Prezo : Fr. 0.35, Sm. 0.125.

Belege eldonita libreto, kies subtitolo plene montras la enhavon, kiu estas tre agrabla verkita. Ĝi estas tre interesa par grupaj kunvenoj.

**Siberio**, volumaro de originalaj kaj tradukitaj verkaĵoj, de Pastro J. SERIŜEV. 1° volumo : « Transbajkalo », unua parto, Eldonita de la Centra Komerca Oficejo, D. Hallet, rue des Bouchers, 13, Charleroi. 248 paĝoj, 24 1/2 × 16 1/2 cm. Prezo : Fr. 3.— Sm. 1.200.

La leganto povos kulpigi min, ke mia Esperanta vortaro estas tre malvasta, sed mi devas ripeti pri tiu libro, kiel pri preskaŭ ĉiuj en ĉi tiu numero recenzitaj

eldonaĵoj, ke ĝi estas ege bonstila,bele presita kaj agrable eldonita.Per tiu verko la aŭtoro konigas plej intime la geografion kaj historion de Siberio kaj ankaŭ la vivmanieron, morojn, kutimojn, legendojn de ĝiaj enloĝantoj. La eldonado de tia libro estas nekontraŭdirebla pruvo pri la utileco kaj uzebleco de nia Esperanto kiel universala edukilo. Mi deziras grandan sukceson al la aŭtoro kaj eldonisto, kaj esperas, ke la sekvontaj volumoj de la verko estos same interesplenaj kaj same zorge eldonitaj.

Mi forgesis diri, ke la libro estas plibeligita per multnombraj ilustraĵoj

La Antverpenaj esperantistoj povas aĉeti « Siberio » en la librejo « 't Kersouwken », St-Jacobsmarkt, 66.

**Praktika Esperanta Lernolibro** por ĉiuj landoj,de JULIO M. ROSENÖRN, hispana infanteria kapitano ; eldonita de « Homaro », Pasaje del Comercio, 8, Madrid ; 16 paĝoj, 20 1/2×15 1/2 cm. Prezo : Fr. 0.50, Sm. 0.200.

Rekomendinda al ĉiuj gvidantoj de unuaj Esperantaj kursoj. Ne 'tre ampleksa, tiu libreto tamen pritraktas grandan materialon el ciuj fakoj de la noma vivo.

**Ne Juĝu !** nuntempa romano, originala Esperanta verko de D-ro LEUNBACH, 1a parto. Eldonejo : Andr. Fred. Host & Son, Bredgade, 35, Kopenhago K. 56 paĝoj, 18 1/2 × 12 cm. Prezo ne montrita.

Libreto verkita en flua Esperanto kaj traktanta kelkajn dramajn, malgajajn flankojn de la vivo.

---

# KORESPONDAĴO

Nia kunlaboranto S-ro D-ro VAN DER BIEST komunikas al ni la jenan leteron, kiun li ricevis de F-ino POSENAER.

La 25an de Junio 1914.

Kara Sinjoro VAN DER BIEST.

Ĉu, post via afabla artikolo pri la Esperanta ekspozicieto ĉe *La Nuntempa Virino,* mi nur uzus mian « respondrajton » por fari kritikan rimarkon ? Ne, mi dankas vin pro via afableco, pro la tro laŭdaj epitetoj,kiujn vi almetis ĉe mia nomo ; kaj tamen mi devas kulpigi vin pri malgranda forgeso, forgeso de iu detalo, kiu ŝajnas al vi, viro, eble tute negrava, sed kiu tamen estis la kialo, la preteksto de mia partopreno en la ekspozicio : la Esperantaj libroj montritaj, la multnombraj artikoloj en la gazetoj, estis nur verkitaj aŭ tradukitaj de belgaj *virinoj*. Ni celis montri la agadon de la virinoj en la Esperanta movado de nia lando. Pardonu, kara Sinjoro, ke mi estas iom feminista ; mi sentas, ke multaj karaj samideaninoj, en diversaj partoj de la lando, atendis de mi tiun plian klarigon. Mi esperas,ke mi sukcesis kontentigi ilin, kaj min mem, ne tro malkontentigante vin. Cetere - ne dubu pri tio — ni uzis tiun « pretekston » nur por fari propagandon por Esperanto. Miloj da vizitantoj atentis pri nia lingvo.

Ĉu vi volas enpresi mian leteretton en via *Belga Kroniko*? Ne ofendiĝu pri la postulemo de « nuntempa virino » kaj akceptu mian koran dankon kaj saluton. MARIA POSENAER.

P. S. — Ne, kara Sinjoro, ni ne fondos *Ligon de Esperantistaj Virinoj*. Ni nur devis alpreni nomon por havi la rajton ekspozicii, kaj niaj multnombraj « delegitinoj » estis nur por tiu cirkonstanco enoficigitaj ; ilia mandato jam finiĝis. « Belgaj Esperantistaj Virinoj » ni restos, kompreneble, ni ja ne povus aliiĝi, kaj ni estas trioble fieraj pri tiu titolo ; sed ni ne starigos Ligon, ni sentas nin tre bone protektataj en la ombro de la potenca *Belga Ligo Esperantista*, alirebla por ĉiuj, por viroj kaj virinoj. Ni helpos laŭeble niajn fratojn, sed ni ne disiĝos de ili. Ili ankaŭ helpu nin.

Ĉu mi povas speciale danki tie ĉi S-ron VERMANDEL, kiu tiel kompleze estis je mia dispono por la aranĝo de nia Esperanta elmontrejo ?

Ne, la « Esperantistaj Virinoj » ne apartiĝos. Viroj kaj virinoj, ni helpu unuj la aliajn kaj laboru interkonsente por nia komuna celo ! M. P.

# LASTHORAJ NOVAĴOJ

## *BELGUJO*

**St NIKOLAAS (Waas).** — Nia agema samideano S-ro DE BOSSCHERE publikigas en la ĵurnalo *De Klok* serion da artikoloj pri Esperanto. Li faras ankaŭ kurson, kiun ĉeestas 10 lernantoj. Espereble baldaŭ grupo ekzistos en la Waaslanda ĉefurbo ! JAN.

## *ALIAJ LANDOJ*

**GERMANUJO.** — Antaŭ kelkaj tagoj okazis en Hamburg bonega propaganda festo. Cirktrupo, kies estro kaj diversaj anoj estas esperantistoj, donis en la *Flora* belan prezentadon. La programo estis redaktita en Esperanto, kaj sur ĝia lasta paĝo oni presigis germanan propagandartikolon. 300 gesamideanoj, kaj certe 2.000 « ne jam esperantistoj » plenigis la cirkon. Ĉiu artisto surmetis verdan stelon kaj intermiksis Esperanton en la kantojn, ludojn, k. t. p. Oni fine kantis *La Espero*.

Tiu trupo vojaĝas tra la norda parto de Eŭropo, kaj dank'al nia lingvo ĉie havas grandan sukceson. BLAK.

# AVIZO

La proksima (Aŭgusta) numero de *Belga Esperantisto* aperos pli frue, ol kutime. Ĝi celas precipe propagandi la Dekan Internacian Kongreson.

Kiel kutime, la revuo *ne* aperos dum la monato Septembro.